30a jaro n-ro 106, septembro 2003

# juna amiko







**_Elkoran dankon, karaj knabinoj el Zaječar, Serbio!_**

*Karaj geamikoj,*

*nia revueto, kiu nun jubileas 30-jariĝon, ekestis kun celo servi la komencantojn de kiu ajn aĝo. Kaj tiu ĉi celo de tiam ne ŝanĝiĝis. Sed ne estas facile plenumi la taskon, ĉar la gustoj, deziroj multe diferencas laŭ aĝoj kaj ankaŭ kulturoj.*

*Por kiel eble plenumi la celon, mi petas vin ĉiujn skribi al ni rete aŭ papere kaj eldiri viajn opinion kaj proponojn, dezirojn. Tio multe helpos nin. Sen via kunhelpo ni ne povos bone labori.*

*Kaj se vi trovos ion interesan, sendu al ni por aperigi ĝin en nia revueto.*

*Elkoran dankon!*

*Geza Kurucz*
*redaktoro*

ENHAVO



**Pri la lingvaĵo de JUNA AMIKO.** Sen pied-notoj ni uzas la plej oftajn 1500 vort-radikojn, kiujn vi trovas en nia hejm-paĝo: ***www.junaamiko.inf.hu*** . En vort-kunmetoj, se necesas – por rekoni la kunmeton – ni uzas divid-strekon, sed kiam la vorto revenas en la sama teksto, ni ne plu uzas ĝin.





**INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE**

**ILEI**

**POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ**

**SEPTEMBRO 2003 N-ro 3(106)**


***Sur la titol-paĝo:*** *desegnaĵo de Ivana Gajić (kvara-klasano) kaj la instruistino Jadranka Mirić kun kelkaj siaj lernantinoj en urbo Zaječar, Serbio.*

# 12 plejoj pri Esperanto

*(En la decembra n-ro kune kun la solvoj ni publikigos la nomojn de tiuj, kiuj ĝuste respondis ĉiun demandon.)*

1. Kiu estas la plej sukcesa plan-lingvo?
2. El kiuj lingvoj Esperanto ĉerpis plej multe da elementoj? (Nomu lingvo-familion ne solan etnan lingvon.)
3. En kiu nacia lingvo aperis la unua gramatiko de Esperanto en somero de 1887?
4. Kiu estas la plej fidinda vortaro de Esperanto?
5. Kiel nomiĝas la plej granda ĉiu-jara kunveno de esperantistoj el la tuta mondo?
6. En kiu el ili ĉeestis plej multe da partoprenantoj?
7. Kiel nomiĝas la ĉiu-jara renkontiĝo de la plej junaj esperantistoj?
8. Kiu posteno estas la plej alta en Esperantujo?
9. Kiu estis la plej fama oratoro en Esperanto?
10. Kiu estis la unua beletriatura verko tradukita de Zamenhof?
11. Kiu Esperanto-vorto havas ekvivalenton en neniu etna lingvo?
12. Kiu rano estas la plej inteligenta? (ŝerca demando)

*(La adreson de la redaktoro vidu sur paĝo 27.)*

## *Tradiciaj proverboj kun modernaj finaĵoj*

*(Se vi konas simile spritajn, sendu ilin por amuzi ĉiujn.)*

**Kion vi povas fari hodiaŭ – *vi povos ankaŭ morgaŭ.***

*Variaĵo:*

**Kion vi povas fari hodiaŭ – *tion prokrastu ĝis morgaŭ. (Eble tiam vi ne bezonos ĝin fari.)***

**Maldiligentulo laciĝas du-foje, *diligentulo – senĉese.***

**Staru ĉe stablo tiel, ke restu loko ankaŭ por aliaj.**

***Laŭ Ezopo – pesimisme***

**Tutan someron la formiko laboris, turmentis sin, kolektante nutraĵon. La grilo mallaboris, pasigis la tempon muzikante.**

***En vintro – ili ambaŭ mortis.***

El la kolekto de *Elizabeta* RAJTMÁR, Hungario

*stablo:* labor-tablo

# *Se vi aĝas 13-18 jarojn, aliĝu al*

# *"Junaj Humanistoj"*

***kiu ĵus fondiĝis kiel junulara sekcio de "Ligo Humanitas"***

## *kaj kies ideoj estas tre proksimaj al tiuj de esperantismo!*

Fine de junio ni ricevis sciigon de nia amiko *Alberto NAGY* (Nadj), Rumanio. (Vidu lian foto-portreton sur la titol-paĝo de *Juna Amiko*, n-ro 94.)

Antaŭ kelkaj monatoj, kiel juna kaj tre aktiva esperantisto li iniciatis la junularan sekcion de *"Ligo Humanitas"*, por disvastigi inter siaj membroj la noblajn ideojn de humanismo, nome: homecon, amikecon, toleremon, klerecon, ĝentilecon, pacemon, bonan guston, emon al scienco, kulturo kaj arto, al ĉio, kio estas de antikva tempo propraĵo de la progresema homaro.



La kunordiganto de *Junaj Humanistoj* estas la 15-jara *Maciej ZGONDEK* el Pollando. Ili havas cirkuleron kaj hejmpaĝon *(http:// junajhumanistoj.w.interia. pl/)*, kiun nepre vizitu kaj, se vi akceptas la suprajn humanismajn ideojn kiel disvastigindajn valorojn, aliĝu al ili kaj varbu agemajn geknabojn por *Junaj Humanistoj*.

La retadreso de *Alberto NAGY*: *espalberto@fk.ro*

Se vi estas super la aĝo-limo, vizitu la hejmpaĝon de *Ligo Humanitas* *http://www.adhumanitatem.com/* kaj aliĝu al ties nobla membraro.

### *Instrukcioj por pedagogoj antaŭ 100 jaroj*

***"La instruisto atentu pri la sekvaj aferoj:***

***a) ĉiu lernanto sidu rekte, precize unu post la alia...***

***b) ĉiu lernanto tenu la kunmetitajn manojn antaŭ si sur la benko...***

***c) ambaŭ piedoj estu paralele kunmetitaj kun plandoj sur la planko.... Dum tri sekundoj la infanoj prenu la necesajn lernilojn kaj remetu ilin tien, de kie ili prenis tiujn."***

(Fragmento el fak-libro de pedagogia alt-lernejo, aperinta en Gotha, 1903)

*Zoltán KURUCZ, Hungario*

# LA UNUA ETAĜO

*Redaktas: Monika MOLNÁR*

## La papilioj forflugas



Ĉu vi scias, kiel fari la formon de la dekstraj papilioj el la maldekstraj, se vi rajtas tuŝi nur 3 papiliojn?

Ĉi-sube vi trovas kelkajn indikojn, sed antaŭ ol sekvi ilin, metu la verbojn en ĝustan formon!

*1. ............ (preni) la suban dekstran papilion!*

*2. ............ (loki) ĝin en la duan linion dekstre!*

*3. ............ (fari) la samon per la maldekstra papilio! (En la dua linio nun vi devas havi 4 papiliojn.)*

*4. ............ (meti) la plej supran papilion tute suben en la mezo de nova linio!*

***Jen la bildo de la papilioj turniĝis. Gratulon!***

*antikva:* praa / *cirkulero:* informilo por la membroj / *fondi:* estigi / *humana:* hom-ama / *iniciati* komenci ion novan / *Ligo:* organizaĵo / *nobla:* morale valora.

*fragmento:* elĉerpaĵo / *instrukcio:* sekvendaj konsiloj / *paralela:* tia, ke la linioj estas egal-distancaj unu de la alia / *pedagogo:* edukisto / *plando:* subo de piedo.

# LA DUA ETAĜO

*Venu En Nian Duan Etaĝon*

**Sendoloriga krucvort-enigmo de Hajnal kaj Stefan MacGill**



### *Horizontale:*

**1**. La unua vorto de la kaŝ-frazo: ordona verbo; **6**. Rilata al aŭd-organo; **8**. Bon-odora; **11**. Sufikso, kiu signifas pecon; **12**. Tia estas hundeto, sur kies voston vi paŝos (espereble ne-vole); **14**. La dua vorto de la kaŝfrazo: gramatika artikolo; **15**. Tiu, kiu gvidis bestojn pare en la arkeon (skribu la nomon en inversa direkto!); **16**. kudrilegoj por ripari ŝuojn; **18**. Dom-besto, kiu ronronas (skribu nur la konsonantojn!); **19**. Bona nomo por la reĝo de la bestoj; **21**. La tria vorto de la kaŝfrazo: ilon; **23**. La komenca komuna parto de multaj demando-vortoj; **25**. La kvara kaj kvina vortoj de la kaŝfrazo: prepozicio kaj artikolo; **28**. Gaso kiun ni spiras (R); **29**. Ne nuna, sed iama, pasinta; **30**. La lasta vorto de la kaŝfrazo: ujo; **31**. Apartenanta al iu.

***La solvon por premio sendu al la redaktoro (p. 27) ĝis la 1a de novembro.***

**(R) = Uzu nur la radikon, sen finaĵo.**

Homo diras al kuracisto: ***"Ciu-foje, kiam mi trinkas kafon, mi suferas akran doloron en la dekstra okulo. Kion fari?"***

Por scii la respondon, solvu la enigmon!

### *Vertikale:*

**1**. Rilata al glazura kovraĵo por potoj kaj fajenco; **2**. erigante; **3**. Epoko, tempo-periodo; **4**. Mal-jes; **5**. Malgranda homo; **7**. Okpieda besteto; **9**. Vera, nefikcia (R); **10**. Elefanto estas pli granda __ muso; **13**. Longa, pinta, metala fiksilo; **17**. Komencas luli bebon por endormigi ĝin; **20**. Interne de militista aŭ lernejana kap-kovrilo; **21**. Ruĝa, surkapa elkreskaĵo ĉe koko, meleagro aŭ simila besto; **22**. Prefikso, kiu signifas: denove; **24**. Paŝas, promenas, vojaĝas aŭ veturas for; **26**. Apartenanta al viro; **27**. Johano batas Petron. Johano estas batanto, Petro estas bat___; **28**. Ŝategi, havi kor-inklinon.

* * * * * *

*arkeo:* la ŝipo de Noa la Biblia / *glazuro:* vitreca tegaĵo / *inversa:* mala, kontraŭa / *konsonantoj:* ne *a, e, i, o, u* / *ronroni:* kontente murmuri / *verbo:* ag-vorto.

*Karina MacGill*

Gepardo estas la plej rapida ter-beṣto. Ĝiaj longaj, bone formitaj kruroj kaj eta kapo helpas al ĝi iri rapide. Ĝi atingas 100 kilometrojn hore, sed nur dum mallonga tempo; sufiĉa por kapti sian predon (manĝotan beston).

Ĝi vivas ĉefe en Afriko.

# ĈIO INTERESA PRI GEPARDOJ



Ŝe post ĝia manĝo restas io, venas la post-predantoj: vulturoj, hienoj kaj ŝakaloj.

Se gepardo malsatas, ĝi ene de kelkaj minutoj povas manĝi tutan gazelon.

La patrino gardas la idojn kaj instruas ilin ĉasi, kiam ili estas sufiĉe grandaj por sekvi ŝin.
En la unuaj semajnoj post la naskiĝo la idoj estas blindaj kaj ne povas stariĝi, ili ne estas pli grandaj ol katoj.

La panjo ofte ŝanĝas la familian loĝ-lokon, ĉar hienoj ŝatas ataki la gepard-idojn, kiam ŝi foriras ĉasi.

*gazelo:* tre bel-aspekta mam-besto simila al antilopo / *gepardo:* mam-besto; vidu la desegnajon / *hieno:* ĉasema rabo-besto, kiu dum-nokte terure kaj timige blekas / *predi:* ĉase kapt-akiri beston / *ŝakalo:* hundo-simila rabobesto; vidu la desegnaĵon / *vulturo:* granda rabobirdo kun kurba beko-pinto.

# ALVOKO AL SPORTEMAJ EKSTERLANDAJ LERNEJOJ

## Venu por konstrui interkulturan ponton!

En la nova lerno-jaro (de septembro 2003) en Zaječar, urbo en orienta Serbio, okazas "**Malgrandaj Olimpikoj**" de futbalo, man- kaj korbo-pilkoj.

En la nomo de la organizantoj instruisto de korpo-kulturo, *s-ro Bojan Živković* (Ĵivkoviĉ) bonvenigas ĉiujn eksterlandajn sportemulojn (el baz-lernejoj) partopreni neoficiale (nur amike) en la "**Malgrandaj Olimpikoj 2003-04**" en urbo Zaječar.

Ali-landaj gelernantoj ludos en amika matĉo kontraŭ niaj sam-aĝuloj! La gastoj devos mem aĉeti vojaĝ-biletojn ĝis Zaječar kaj reen al sia hejm-lando. Pri tranoktejo, manĝado kaj du-taga (semajn-fina) amika etoso zorgos niaj gelernantoj kun siaj geinstruistoj.

**P.S.** La tranoktado kaj manĝado estas *senpagaj* ĉe niaj, t.e. viaj estontaj amikoj-lernantoj kaj instruistoj de la Bazlernejo "Ljuba Nešić".

Adreso: **Bazlernejo "Ljuba Nešić", Dositejeva 2, YU-19000 ZAJEČAR, Serbio**

Faks-numero: **019/423-656**

Telefono: **019/424-715**

Pri la lingvo parolota ne zorgu. Se ni ne havos komunan lingvon, Esperanto helpos nin!

Venu, kore atendos vin:

*Bojan Živković* kaj *Jadranka Mirić*



La knabina korbo-pilka teamo de la lernejo "Ljuba Nešić", Zaječar, Serbio

# ABELOJ — LERTAJ GEOMETROJ



Kelkaj matematikistoj asertas, ke dum la konstruado de siaj ĉeloj la abeloj solvas problemon pri supera matematiko.

Supera aŭ ne, estas fakto, ke tiuj malgrandaj , laboremaj insektoj solvas interesan problemon, kiu mirigas la homan intelekton.

Ni ĉiuj scias, ke abeloj konstruas siajn ĉelojn por meti en ilin la produktotan mielon. La ĉeloj estas farataj el speco de vakso. La abelaro celas, do, ĉel-formon kiel eble plej ŝparan, tio estas, plej grandan volumon kun malplej granda kvanto da materialo.

Necesas ankaŭ, ke la muroj de ĉiu ĉelo servu kiel tiuj por la aliaj najbaraj ĉeloj. La ĉelaro ne povas, do, esti cilindra.



La abeloj "preferas" prisman formon por la ĉelaro. La solaj egallateraj kaj egal-angulaj prismoj, kiuj povas sin meti unu apud la alia sen interlateraj spacoj, estas la tri-angula, la kvadrata kaj la ses-angula. (Vidu ilin sube!) Ĝuste tiun lastan la abeloj elektis!

Ĉu vi scias kial? Ĉar el la tri eblaj la sesangula prismo prezentas la plej grandan internan spacon (volumon).

Ĉu abela ekintelekto?

Aŭ ĉu plia saĝo de la Naturo? Elektu vi mem!









Verkis:
*Evandro de Freitas,*
*Brazilo*

*abelo:* mielo-fara insekto / *aserti:* diri sen ajna dubo / *cilindra:* tubo-forma / *geometrio:* branĉo de matematiko; scienco pri linioj, supraĵoj kaj spacoj (volumenoj) / *intelekto:* alta penso-kapablo / *latero:* rekta linio, kiu limas geometrian figuron / *prismo:* geometria figuro kun almenaŭ du paralelaj ebenoj; vidu ilin sube / *problemo:* solvenda tasko / *vakso:* hel-flava materialo, kiun eligas abeloj por konstrui sian ĉelaron / *volumo:* interna spaco de figuro; enhavo-povo.

# Homo de la 21a jarcento trafikas ĉie: *sur tero, riveroj, maroj kaj en aero.*

TRAFIKO

Kion prezentas la bildoj? Parolu pri ili! Jen kelkaj utilaj vortoj:

Per kio oni veturas? — *(publikaj, privataj) trafikiloj / veturiloj, (ter-, akvo-, aer-)veturiloj: biciklo, motorciklo, aŭtomobilo (person-aŭto), ŝarĝ-aŭto, kamiono, (aŭto)buso, trolebuso, trajno (vagonaro), tramo, metroo (sub-tera trajno), ĉaro, taksio, aviadilo (flug-maŝino), helikoptero, ŝipo, boato, pramo, vel(ŝipo, -boato, -tabulo)...*

Sur kio oni trafikas? — *strato, trotuaro, vojo, ŝoseo, pado; (ĉef-, ter-, aer-, fer-, rel-, aŭto-, glit-, ĉirkaŭ-, sub-, super-)vojo, (akva, kava, pavimita, ne-pavimita, asfaltita, anstataŭa, aviadila, kvar-koridora) vojo; voj(kruciĝo, -kurbiĝo, -forko), trafik(lampoj, -ŝildoj).*

TRA

*Demandoj:*



Ĉu vi havas propran aŭtomobilon? Kiu ĝin stiras? Ĉu vi havas stirrajton? Kiu estas la marko de via aŭtomobilo? Ĉu ĝi estas nova? Kiu-kolora estas ĝia karoserio? Ĉu ĝi konsumas multe da benzino? Kiun publikan veturilon vi preferas? Per kiu el ili vi veturas plej ofte? Ĉu vi veturas al la laborejo? Kion vi prenos, ĉu buson aŭ tramon? Ĉu vi havas abon-bileton por buso aŭ trajno? Kiom ĝi kostas por monato?




# FIKO

Ĉu vi kiel lernanto / maljunulo havas rabaton? Kiom-procentan?
Ĉu vi ŝatas vojaĝi?
Ĉu vi timas vojaĝi per aviadilo? Kial jes aŭ ne?
Kiam vi veturis lastan fojon per ŝipo? Ĉu vojaĝo per ŝipo estas pli agrabla ol tiu per tertrafikiloj?
Mendu telefone du biletojn kun sid-lokoj por la dimanĉa ekspresa trajno matena ĝis Romo. (Nun vi troviĝas en Milano.)
Kiam estas la pint-horoj de trafiko ĉe vi, en via loĝ-loko? Kial ĝuste tiam?
Kie enbusiĝas / elbusiĝas multaj pasaĝeroj? (envagoniĝi, enŝipiĝi, eltramiĝi)
Kion vi opinias pri la protektado de viv-medio kaj trafiko? Ĉu ili estas akordigeblaj?
Ĉu junuloj cedas sian sidlokon al maljunuloj en publikaj veturiloj?
Ĉu vi dezirus vojaĝi per spac-veturilo (kosmo-ŝipo)? Kial?
Ĉu en via loĝ-loko ofte okazas trafik-akcidentoj (kraŝoj)? Rakontu pri unu okazintaĵo.
Kiuj zorgas pri la sekureco de la tervoja trafikado? Ĉu vi estis iam monpunita?



# MISAVENTUROJ DE KOTINO

**Aŭtoro:** *Cecileo Avilés (Kubo)*

**Tradukis:** *José de J.Campos Pacheco*




Estas bela tago. Niaj amikoj en la Infana Kampadejo preparas sin al ekskurso.

*"Unue matenmanĝi, poste promeni tra la montaro."* Sed Kotino ekmiras, kiam Cecileno ordonas al ĝi resti kaj helpi en la kuirejo.

La kunulo, kiu restas kun Kotino, konsole aldonas, ke en la montaro multaj danĝeroj minacas la vizitantojn.

*"Ba! Ili vidos konurojn, ne kuiros, nek lavos telerojn. Mi serĉos Cecilenon kaj la geknabojn."*




Kotino malobeas la ordonon kaj elflugas. *"Ha-ha-ha-ha! Mi jam havas manĝaĵon por hodiaŭ!"* ridegas malice granda birdaĉo. Kaj ĝi senkompate atakas nian Kotinon.

La konureto provas sin defendi, sed ne povas rezisti la bategon de sia kontraŭulo kaj falas sur strangan surfacon, dank' al kio la birdaĉo ne kuraĝas mortigi la konureton.




Pro la batego Kotino vundiĝis. Ĝi ne plu povas flugi. Rigardante dorsen Kotino surpriziĝas: *"Kio estas tio? Oj! Jen tiu fortimigis la birdaĉon."*

Sciu, ke Kotino falis sur la dorson de danĝera krokodilo.

Kotino nefacile povas eskapi la faŭkegon de la malsata bestego.

Sed ĝi falas en alian danĝeron.

Vidu la apregon.




Dum Kotino "ĝuas" siajn aventurojn, Cecileno revenas al la kampadejo.

*"Mi devas ĝin rapide trovi, antaŭ ol estos tro malfrue,"* pensas Cecileno kaj tuj ekiras.

*"Oj, panjo mia, kion fari? Mi ne povas flugi. Helpu min!"* krias Kotino.

*oj:* ekkria vorto por esprimi doloron, timon / *rezisti:* kontraŭstari / *surfaco:* supraĵo.



*"Jen, vidu, tio estas la flugilo de Kotino!"* krias knabino.

*"Helpu! La apro manĝos min! Helpu!!! Oj!!!"*

Ŝajnas, ke venis la fino por Kotino.

Sed Cecileno rapidege intervenas kaj sukcesas ĝin savi.



Post la danĝero Kotino pardonpetas antaŭ siaj amiketoj:

*"Mi promesas neniam plu esti sendisciplina."*

*ba:* ekkria vorto por esprimi malŝaton / *disciplino:* obeado, akcepto de regularo / *eskapi* : forkure liberiĝi / *faŭko:* timige granda buŝ-kavo / *konuro:* Amerika papageto / *malica:* intence malbon-farema. *Daŭrigo sur paĝo 12.*

## *Abontarifoj de Juna Amiko por la jaroj 2003-04**

| | EUR /USD | 2–4 ekz. | Ekde 5 ekz. | Prioritate |
|---|---|---|---|---|
| Tarifo 1 | 12 | po 8 | po 6 | +30 % |
| Tarifo 2 | 6 | po 5 | po 4 | +30 % |
| Hungario | 800 HUF | 650 HUF | 500 HUF | — |

* *Valida ĝis la 31a de decembro 2003.*

**Fariĝu PATRONO de Juna Amiko abonante al malriĉuloj (vizitu nian hejmpaĝon: *www.junaamiko.inf.hu*).**

## *Solvo de "Malfacila demando" (paĝo 24):*

La demando de la migranto estis: ***Kiun pordon montrus via frato?*** Ambaŭ devus montri al la pordo, kiu kondukas al abismo. La ver-ama frato ja sciis, ke lia mensogema frato ankaŭ ĉi tie proponus la malĝustan pordon. Kaj male, la mensogema sciis, ke la frato montrus al la ĝusta pordo, sed — ĉar li ja ĉiam mensogas — li dirus ĝuste la malon.




**rukili@netvision.net**




ESPERANTO
por por
komputiloj
Komputika Esperanta ROndo



# Ene de komputilkesto

"Per eraroj oni lernas!". Sed saĝaj esperantistoj (ekz. KERO-anoj) certe ne deziras sekvi tiun lern-manieron aĉetante komputilon. Por elspezi ekonomie necesas prikonsideri la plenumendajn taskojn kaj detale ekzameni la komponantojn de la interna aparataro, iliajn kapablojn kaj taŭgecon, kompari alternativojn, kaj kompromisi inter prezoj kaj deziroj. Bone! Unue ni lernos pri la komponantoj, kvankam – je unua rigardo – tio povus ŝajni komplika afero. Sed sci-volemo, pacienco kaj lerto kondukas al sufiĉaj bazaj scioj kaj "Lerninte oni malfacile eraras!".

La baza komponanto estas la **ĉefkarto (1)**, kiu interkonektas la aliajn komponantojn, nome: ***mikroprocesoron* (2)**, ***ekspansiajn kartingojn* (3)** kaj **RAM-*memor-modulojn* (4)**. Krome, ene de la komputil-kesto troviĝas ankaŭ memoriloj – ***fiksita disko* (5)**, ***disket-legilo* (6)**, ***lum-diskingo* (7)** –, ***elektraj kabloj* (8)** konektantaj ĉiujn aparatojn, ***kurentdistribuilo* (9)** kaj (cirkvit)***kartoj* (10)**.







**Malmultekosta procesoro kun 350 MHz-oj certe sufiĉas por la plej parto de la taskoj !!!**

**La kartoj – (cirkvit)kartoj – estas komponantoj plenumantaj specifajn taskojn: produktas sonojn, kreas bildojn kaj kolorojn, ebligas konektadon inter komputiloj, kontrolas apartajn aŭdo-vidaj, montrilajn aparatojn por komputilaj ludoj, k.t.p. Oni povas aĉeti la necesajn kartojn kaj mem instali ilin en la taŭgaj ekspansiaj kartingoj.**

**La kvanto da RAM-memoro pli gravas ol la rapideco de procesoro ĉar ĝi determinas la rapidecon de komputilo. Por pligrandigi la nunan memoron eblas aĉeti kaj mem instali en la ĉefkarto taŭgajn memor-modulojn. Temas pri iom delikata afero, ĉar oni senintence povus damaĝi aliajn partojn.**




**Eĉ malnova komputilo (350 MHz) per aldono de malmultekostaj RAM-moduloj fariĝos sufiĉe rapida kaj plu uzebla.**

**La komputila "cerbo" estas la mikro-procesoro aŭ ĉeforgano, kiu per programoj plenumas la ĉefajn funkciojn de daten-prilaboro direktante aliajn internajn organojn. La rapideco de la ĉeforgano mezuriĝas per megahercoj (MHz) kaj temas pri grava taksenda faktoro dum aĉeto. Rapideco de modernaj procesoroj (Pentium II/III/4, Celeron de INTEL kaj Duron, Athlon de AMD) estas inter 350 MHz kaj 2,8 GHz !**

*alternativo:* necesa elekto inter du eblaj decidoj / *aplika:* rilata al programo por uzanto/ *bazo:* esenca deirpunkto / *cirkvito:* aro de interkonektitaj elektronikaj partoj / *damaĝi:* difekti ion / *dateno:* komputile traktebla informo / *distribui:* disdoni parton al ĉiu / *dokumento:* skribaĵo / *dosiero:* organizita kolekto de datenoj en ekstera memoro / *duuma:* prezentanta la nombrojn per serio de 0 aŭ 1 kiel sumojn de potencoj de du / *ekonomie:* ŝpareme / *ekran-bloko:* mebleto kun komputila eligilo vidiganta informojn al la uzanto / *ekspansio:* plivastigo / *elektronika:* rilata al tekniko uzanta elektronojn / *elektrono:* malpeza ero, kies rapidega fluo kreas elektron / *faktoro:* unu el la kauxzoj de rezulto / *fakule:* laŭ tiu, kiu sin okupas pri aparta tekniko / *fundamento:* esenca ero / *funkcii:* plenumi propran difinitan taskon / *gigahercoj (GHz):* milo da megahercoj / *herco (Hz):* unu sinsekvo en unu sekundo / *instali:* taŭge meti kaj aranĝi ion en ĝia loko / *Interreto:* monda retego de komputiloj / *kablo:* aro de pluraj dratoj kune ligitaj / *kapacito:* kvanto kiun povas enteni ujo / *kodo:* sistemo laŭ kiu grupo de signoj anstataŭas aliajn signojn / *komplika:* embarase malsimpla / *komponanto:* konsistiga parto de tutaĵo / *kompromiso:* konsento post rezignoj / *komputika:* rilata al scienco pri komputado / *komputilo:* aparato kiu, aŭtomate prilaboras datenojn laŭ instrukcioj / *komunik-pordo:* konektilo inter komputilo kaj periferiaĵo / *konekti:* kunigi per konduktilo /

## Novajoj pri la aŭtuna agado de KERO

Ekde **Oktobro 2003**, ĉiu abonanto de Juna Amiko povos partopreni la interretan kurson "Fundamentoj de Komputiko per uzo de programada lingvaĵo JAVA". Kvankam la kurso estos en nivelo de supera lernejo, tamen la instru-metodo celos komprenigi la temojn kaj praktikigi la sciojn al ĉiu "serioza kaj laborema" komencanto. Do, karaj geamikoj, pri pliaj detaloj rilate la kurson kaj pri iu ajn komputila problemo/dubo/demando, skribu al mi senĝene (ret- aŭ paperpoŝte) ĉe:

Retadreso: rukili@netvision.net Poŝtadreso: P.K. 386 Omer 84965 ISRAELO ***(saĝulo)***

# RAM, ROM kaj fiksita disko: temas pri memoro

Por funkcii, la komputilo devas daŭre memori datenojn. Ĉi-cele ĝi utiligas du rapidegajn memor-tipojn kaj fiksitan diskon :

- **ROM (nur legebla memoro)**: konservejo de la informoj por startigi la komputilon ĉiu-foje, kiam oni ŝaltas ĝin. Memoro, kiu enhavas neŝanĝeblajn datenojn. Ili neniam forviŝiĝas.
- **RAM (senpere atingebla memoro)** dumtempa labora memoro por datenoj utiligataj fare de programoj. Memoro enhavanta ŝanĝeblajn datenojn, kiuj perdiĝas, kiam oni malŝaltas la komputilon.
- **Fiksita disko:** komputila stokejo kie konserviĝas ĉiuj dosieroj (sistemaj kaj aplikaj) kaj dokumentoj de uzantoj. Nuntempaj diskoj povas memorigi centojn da GB de datenoj atingeblaj je ega rapideco.

**Fakule**



**dirante**

| Mezur-unuoj de memor-kapacito | | | |
|---|---|---|---|
| bito | = duuma cifero (1 aŭ 0) | megabajto (MB) | = 1024 kBajtoj |
| bajto (B) | = grupo de ok bitoj (bit-oko) | gigabajto (GB) | = 1024 MBajtoj |
| kilobajto (kB) | = 1024 bajtoj | terabajto (TB) | = 1024 GBajtoj |

# Dorse de komputilkesto

Por funkcii, ĉiu periferiaĵo bezonas konekton kun la ĉefkarto. Tiajn konektojn ekefektivigas internaj kabloj konektantaj la ĉefkarton kun la t.n. "komunik-pordoj" troviĝantaj en la dorsa komputila faco. Per eksteraj taŭgaj kabloj oni konektas la periferiaĵojn al iliaj specifaj pordoj. La plej komunaj pordoj estas:



(1) **Paralela pordo** por konekti ekz. printilon. Ĝi akceptas nur mallongajn kablojn.
(2) **Seriaj pordoj** por konekti ekz. eksteran modemon. Ili akceptas longajn kablojn.
(3) **USB-pordoj** ebligas konektadon de pli modernaj kaj ege rapidaj periferiaĵoj, ekz. Video-kameraoj, ciferecaj fotoaparatoj, k.t.p.
(4)(5) **Pordoj** por klavaro kaj muso.
(6) **Pordo** konektanta la ekran-blokon kun video-karto.
(7) **Pordo** konektanta internan modemon kun telefona linio. Se apude ĉeestas dua simila pordo, ĝi ebligas konekton de telefonaparato.
(8) **Pordoj** por: **(maldekstre)** stir-stango por komputilaj ludoj,
**(dekstre)** mikrofono kaj eksteraj laŭt-paroliloj.

**Danĝero!**



**Atentu!**

**Neniam malkonektu** iun ajn periferiaĵon, eĉ USB-tipan, kiam la komputilo estas ŝaltita: vi riskas elektran skuon, gravan damaĝon ĉe la periferiaĵo kaj ĉe la rilata cirkvitkarto aŭ, se temas pri USB, kraŝon de la operaciumo! **Kial riski?** ***Do, ĉiam, unue malŝaltu la komputilon!***

*kontroli:* esplori ĉu io estas tia, kia ĝi devas esti / *kraŝo:* tuta perdo de regado fare de operaciumo / *kurento:* fluo de elektro / *megaherco (MHz):* miliono da hercoj / *metodo:* taŭga pripensita sekvo de agoj / *mikrofono:* ilo produktanta elektran energion el son-energio / *mikroprocesoro:* procesoro en eta komponento / *modemo:* aparato telefone konektanta komputilon al interreto / *modernaj:* nuntempaj / *modulo:* tutaĵo / *nivelo:* grado de alto / *operaciumo:* sistema programaro / *paralela:* rilata al samtempa transsendo de pluraj bitoj / *periferiaĵo:* ekstera aparato ligita al komputilo / *plenumi:* fari plene tion, kio estas farenda / *problemo:* ĉio malfacile klarigebla aŭ solvebla / *procesoro:* parto de komputilo, kiu prilaboras datenojn / *programo:* serio de koditaj instrukcioj por komputilo / *rezigno:* forlaso de io / *sistema:* rilata al programo baze direktanta la aparataron / *specifa:* detale difinita / *startigi:* ekfunciigi / *stirstango:* bastonet-forma aparato / *stokejo:* ejo kie oni konservas aĵojn / *ŝalti:* ekfluigi elektron / *t.n.* tiel nomata(j) / *tekniko*: tuto da pratikaj konoj pri teknologio / *teknologio:* scienco pri la iloj kaj sistemoj de produktado de objektoj / *tipo:* ĝenerala formo / *video:* rilata al bildoj per elektronika sistemo / *videokamerao:* aparato por sendi sinsekvajn bildojn al komputilo same kiel televida filmado.

# PEZO PLAGO
## Parto 3

Tra tri tagoj Mira, la infanoj kaj la polico laŭ-vice observis la domon de la sorĉistino. La mistera virino restis ene, precipe en unu ĉambro. De tiu loko aŭdeblis timigaj bruoj kaj videblis divers-koloraj lum-briloj. Nur en la kvara tago, kiam Kati deĵoris, la sinjorino aperis ĉe la pordo kun la konata valizo kaj ekiris al la urbo. Kati vokis poŝ-telefone al Mira, kiu alvenis baldaŭ kun policisto kaj traserĉa permesilo.

.......................................................

"Ĉu mi rajtas peti intervjuon kun la lernejestro?"

"Jen la ĉambro, de kie venis la lumoj kaj bruoj," diris Mira, montrante al pordo. La policisto malfermis ĝin kaj ili eniris.

"Laboratorio! Rigardu! Vitraj ujoj kaj koloraj likvaĵoj."

Mira ordonis al la infanoj: "Tuŝu nenion! Trinku nenion!"

Riko montris al bretaroj en angulo: "Rigardu! Libroj – multaj libroj pri kemio."

"Ne nur kemio. Jen libro pri magio, alia pri sorĉoj."




"Ĉu intervjuon? Por kiu ĵurnalo? Aŭ ĉu, eble, televida stacio?"

"Ne por televido. Por la loka ĵurnalo. Por nia serio *Kvartalaj herooj*."

"Do, post duon-horo estos libera momento."

"Koran dankon." La telefoninto remetis la aŭskultilon kaj reprenis sian valizon.

.......................................................

"Jes, receptoj: prepar-planoj por magiaj trinkaĵoj."

"Do, certe nia sinjorino magias – kaj sorĉas malbonon. Ĉu ŝi havas nomon?"

"Mi trovis nomon. Jen malnovaj lernejaj libroj kun nomo sur kovrilo: *Hedviga Latruk*. Eble, tio estas ŝi."

"Eble. Kio alia legeblas?" demadis Mira.

"Klaso 4C, kemio," legis Kati.

"Ha, ha!" ridis Riko: "Kvarco ja apartenas al kemio!"

"Ha, ha, mal-ha!" reagis Kati: "Estu serioza. Serĉu pli."

"Multaj nefinitaj ekzercoj. Jen ruĝa kruco de instruisto kaj teksto: *'Malbone farita hejmtasko: Noto 1. Neeblas pli malbone.'*"

"Jen rezulto-kajero kun jar-finaj rezultoj. Ankaŭ malbonaj krom unu. Fiziko: 2, Matematiko: 2, Kemio: 1, Historio: 4. Pri kemio: *'Hedviga perdas sian tempon en mia klaso'*. Sed pri historio: *'Ŝia eseo pri la historio de magio estis bonega.'*"

"Ĉu estas indiko pri la jaro?"

"Jes, 1992 – kaj ŝi apartenis al nia lernejo!"

"Do, Hegviga estis lernanto en via lernejo antaŭ deko da jaroj."

"Kaj nun ŝi reiris tien por ataki lernantojn kaj instruistojn."

"Eble ŝi ĝuste ĵus reiris!" kriis la policisto: "Mi vokos kolegojn iri tien por serĉi kaj haltigi ŝin."

.................................................................

"Koran dankon pro la akcepto – mi scias ke vi estas tre okupata."

"Se nur nia lernejo estus klimatizita, estus pli facile labori."

"Nu, ni sidiĝu trankvile. La intervjuo daŭros nur dek minutojn. Komence, mi povas proponi refreŝigan malvarman trinkaĵon."

"Ho, dankon, tre bon-vena," diris la lernejestro akceptante glason.

"Hmm, kia str... rimarkinda gusto!" li komentis.

"Mia unua demando: en via laboro, vi certe renkontas malfacilajn infanojn..."

"Jes. Antaŭ dek minutoj, mi ĵus havis tian."

"Ĉu vere? Rakontu. Tio interesos niajn legantojn."

"Mi demandis ion al tiu lernanto – li ne respondis, nur ruktis!"

"Ĉu ruktis? Kiom malĝentile. Ĉu kontraŭvole?"

"Ne. Li intence faris tion. Tuj poste li montris sian langon. Mi kriis 'Haltu nun!', sed li ripete ruktis."

"Terure! Kaj kion vi faris?"

"Nu, mi vokis la gepatrojn kaj ni interparolos vespere."

"Do, ĉu vi ne batis la infanon?"

"Certe ne. Tion ni certe ne faras!"

"Do, ŝanĝiĝis aferoj en ĉi tiu lernejo – antaŭ dek jaroj oni batis malbonajn lernantojn, eĉ knabinojn."

"Aliaj horoj, aliaj moroj – kiel diras proverbo – aliaj jaroj, aliaj faroj."

"Do, mia dua demando..."

"Momenton," interrompis la estro: "Mi vidas ke polic-aŭto venas en la lernejan korton, kaj tre rapide."

"Kio? Ho, ve!" kriis la 'ĵurnalistino': "Mi ĵus memoris. Mi havas gravan interparolon kun mia redaktoro. Pardonu min, mi devas foriri tuj."

"Sed, via dua demando, kaj la foto por via ĵurnalo! Kvartalaj he...ve!"

Sinjorino Hedviga jam malaperis – tiom rapide, ke ŝi lasis sian valizon kaj la botelon da 'Porĉio'.

.................................................................

"Klare, ke la trinkaĵo havas iun ligon kun la akcidentoj," diris Kati.

"Sed ne simplan kaŭzan rilaton. Ĉar

# KVIZO UDO POR VIA PLEZURO

*Por resti sana, manĝu pizon;*
*por perfektiĝi, solvu kvizon!*

**Jen la pinto de la kvizo-listoj post du turniroj:**

***Kategorio B***
1. *Svijetlana Akik,* HR, 55 poentoj
2. *Ivana Bekavac,* HR, 54 poentoj
3. *Petra Ilinić,* HR, 51 poentoj

***Inter la grupoj***
1. *Marijanpole,* LV, 52,5 poentoj
2. *Ursourbo,* HR, 41 poentoj
3. *Domjanić,* HR, 25 poentoj

***Kategorio M***
1. *Samanta Čajić,* HR, 52 poentoj
   *Marina Milković,* HR, 52 poentoj
2. *Elisee By'elongo,* SA, 18 poentoj

***Kategorio S***
1. *Lenče Efremova,* MK, 53 poentoj
   *Maria Molnár,* HU, 53 poentoj
2. *Eugenia Popoviciu,* RO, 48 poentoj

**La kompletajn listojn vidu en nia hejmpaĝo: *www.junaamiko.inf.hu* sub titolo *kvizolisto*. Tie troviĝas ankaŭ la regularo aŭ serĉu ĝin en n-ro 105.**

pluraj homoj trinkis ĝin. Ankaŭ mi," diris Lopez.

"Kaj pluraj instruistoj. Sed ne ĉiuj suferis akcidenton," aldonis la policisto.

"Prave. Tamen, ĉiu-foje kiam la mistera sinjorino disdonis la trinkaĵon, iu akcidentis."

"Kial tiu kaj ne la aliaj? Jen mistero por ni," diris Mira.

........................................................

"Ĉu ŝi proponis al vi trinkaĵon?" demandis la alveninta policisto.

"Jes, kaj mi trinkis ĝin – iom metala gusto."

"Bedaŭrinde. Sed kie ŝi estas?"

"Ŝi forkuris tiom rapide, mi ne povis haltigi ŝin. Stranga konduto por ĵurnalisto. Vidu, ŝi lasis sian valizon."

Antaŭ ol la policisto povis malhelpi, la estro levis ĝin por montri. Subite ĝi tremis. La lernejestro provis senmovigi ĝin, sed ĝi tuj falis sur la plankon. La estro kriis, la valizo per forta bato rompis la plankon kaj malaperis suben en freŝe faritan truon, tirante kun si la brakon de la estro. Li krie falis sur la plankon kaj en la truon.

Inter la flugantaj ligno-pecoj, jen tria viktimo!




**Daŭrigo sekvos!**

*Stefan MacGill*

| N-ro 3 | 14-a KONKURSO-JARO | Lim-dato: 1.XI.2003 |
|---|---|---|
| 1 | Konstruu frazon per la vortoj: *antaŭ, pli, unu, ĉi, estas, jaro, tiu, tiu, facila, kvizo, ol* | 2 poentoj |
| 2 | Per afiksoj faru po 5 vortojn el la radikoj: *unu, amik-, lud-, bel-.* | 4 poentoj |
| 3 | Korektu la erarojn: *La leciono komencis. Mi dankas vian helpon. Ni manĝis dezerton.* | 4 poentoj |
| 4 | La ĉi-subaj malvortoj ne estas uzataj. Kiel oni diras ilin? *maldoni, malmorti, malfali* | 3 poentoj |
| 5 | Kiel diri alie? *Mi ekiris je la 8a kaj 10 minutoj.* | 2 poentoj |
| 6 | Faru almenaŭ 6 kunmetitajn vortojn kun *tag(o).* | 3 poentoj |
| 7 | *Sia-tempe tiun gazeton oni legis tut-monde.* Diru pasive. | 3 poentoj |
| 8 | Kiel pardon-peti pro malfru-vespera telefon-voko? | 3 poentoj |
| 9 | Al kiuj lando kaj urbo ligiĝas *Tutmonda Fabelkonkurso en Esperanto*? | 2 poentoj |
| 10 | Menciu laŭ-titole almenaŭ 4 internaciajn Esperanto-periodaĵojn. | 4 poentoj |

La solvojn sendu al *Géza Kurucz, Hitel u.10.fszt.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario*
Retadreso: *<suli267@szeged.sulinet.hu>*

***Ne restu la solvo ĉe vi sur papero, ⇧ sendu ĝin tuj al nia supra adreso!***

## SOLVOJ de n-ro 2/03 (p.17)

**1.** ŝipestro, ŝipano, ŝiparo, enŝipiĝi, elŝipigi, ŝipveturi, riverŝipo, marŝipo, militŝipo, ŝiphaveno, kosmoŝipo, ŝiphelico... **2.** Esperanto, numero, kilometro **3.** Finiĝas la lernojaro. La lernantoj tre ĝojas pro/pri tio kaj ĉiuj ekkrias: "Finfine, ferioj!" **4.** Juna Amiko – 30 jaroj; la kvizoludo – 14 (5 en nia revuo) **5.** Svedio, Britio, Danio **6.** a) *bluso* – muzik-stilo, *bluzo* – vesto b) *organo* – konsistiga parto, *orgeno* – muzikilo c) *kurso* – lecionaro, *kurzo* – mon-valoro **7.** ... *ne estas perdita.* **8.** Kunhavi E-flageton.* **9.** Reinhard Selten, Germanio **10.** Varsovio, Pekino, Romo ...

* *Ekzistas pluraj ĝustaj solvoj.*

### La plej lertaj solvintoj de la junia numero

***Kategorio B***
1. Akik, Svijetlana; HR 26 p.
2. Bekavac, Ivana; HR 25 p.
3. Bartol-Pavlinić, Ivana; HR 23 p.
*1. E-grupo "Ursourbo"; HR 26 p.*

***Kategorio M***
1. Čajić, Samanta; HR 27 p.
Milković, Marina; HR 27 p.

***Kategorio S***
1. Molnár, Maria; HU 27 p.
Efremova, Lenče; MK 27 p.
2. Popoviciu, Ekaterina; RO 25 p.

# DANĜEROJ PRO OZON-TRUOJ

## Slip! Slap! Slop!

Sonoj aŭdataj en Aŭstralio, plej ofte sur plaĝoj kaj ĉe naĝejoj subĉielaj.

Pri kio temas? Slip! Slap! Slop! imitas la sonojn, kiam sunumantoj ŝprucigas sur sin kaj ŝmiras mane preskaŭ ĉiun angulon de sia korpo per kremo kontraŭ danĝeraj sunradioj. Tiu diligenteco de aŭstralianoj estas kaŭzita pro alarmoj de sciencistoj, kiuj malkovris, antaŭ kelkaj jaroj, ke en la ozon-tavolo ĉirkaŭ la Tero ekestis truo super Aŭstralio. Estas menciinde, ke antaŭ tiu tempo oni jam rimarkis, ke multaj homoj Eŭrop-devenaj kun hel-kolora haŭto jam suferis pro haŭt-kancero, kaŭzita per forta sun-brilo de sennuba ĉielo.

La truo en la ozontavolo prezentis al la sciencistoj bonan okazon esplori la kialon kaj la kurac-metodojn. Evidentiĝis, ke en la estigo de la truo pleje kulpis gasoj CFC, uzataj, ekzemple, por har-ŝprucaĵoj kaj purigaĵoj por la hejmoj. Tre baldaŭ, unue en la evoluintaj landoj, la uzado de tiuj gasoj estis malpermesataj kaj iom post iom oni rimarkis, ke la truo komencas malgrandiĝi, sed ne la nombro de la viktimoj pro haŭtkancero. Sciencistoj malkovris ankaŭ, ke haŭtkanceron kaŭzas ne nur la truo en la ozon-




tavolo, sed ankaŭ la fortaj sun-radioj ĉie en la mondo. Tial mi konsilas al ĉiuj kaj speciale al hel-haŭtuloj nepre atenti pri Slip! Slap! Slop!

Ultraviola (UV) radiado havas pli mallongajn radio-longojn ol la videblaj por homaj okuloj. Ĝi estas dividita en tri partojn:

UV-A (315-400 nanometroj) estas la malplej damaĝa. Ĉi tiun formon de ultraviolo oni uzas en sunumejoj.

UV-B (280-315 nanometroj) povas kaŭzi kaj haŭtkanceron kaj damaĝon al la okuloj, tamen eta kvanto necesas por produkti vitaminon D en nia haŭto.

UV-C (100-280 nanometroj) estas la plej danĝera por ĉiuj vivuloj.

Estas bone, ke la stratosfera ozontavolo ensorbas la tutan UV-C, la plej mortigan formon, kaj eĉ maldikigita ozontavolo ne permesas trairi multon, tamen mi ripetas al ĉiuj, antaŭ ol sunumi: Slip! Slap! Slop!

*Jennifer Bishop,* Aŭstralio

*alarmo:* averto pri danĝero / *damaĝa:* mal-utila por la sano, ekzemple / *kancero:* mortiga malsano / *nanometro:* unu milionono de milimetro / *ozono:* $O_3$ / *plaĝo:* larĝa bordo de lago, maro, rivero por sunumantoj / *sorbi:* ensuĉi, ne tralasi alian materion / *stratosfero:* tavolo de la aero ĉirkaŭ la Tero / *ŝmiri:* kovri ion per maldika tavolo da oleo, kremo... / *ŝpruci:* rapide kaj forte eligi fluaĵon / *tavolo:* pli-malpli dika amaso vaste etendita.

# humuro

Iu frapas sur la enir-pordo de la ĉiellando. Sankta Petro krias deinterne:

– Kio estas tio?

– Ne "Kio estas tio", sed "Kiu estas tiu" – diras virina voĉo.

– Ho ne, jam denove instruistino!



Elizabeta RAJTMÁR

***Instruisto** (rigardante la hejm-taskon de Todor):* Mi miras, kiel unu persono povas fari tiom da eraroj.

***Todor:*** Ne temas pri unu persono. Mia frato helpis min.

Zoran ČIRIĆ

NIA KULTURA HEREDAĴO

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo dank' al la plumo de nia fidela amiko, elstara islanda poeto, **Baldur RAGNARSSON**. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel-konscia esperantisto, sukcesa pledanto por nia nobla ideo. (Red.)*

BILDOJ EL LA HISTORIO

## 20 *Stellan ENGHOLM*

Originalaj romanoj en Esperanto ne svarmas, des malpli premiitaj. Eble mi malpravas, sed laŭ mia scio la sola ekzemplo estas romano de la verkisto, kiun mi prezentas al vi nun: ***Stellan Engholm.*** Tiu romano, *Homoj sur la tero,* estis premiita en romano-konkurso de la grava literatura revuo *Literatura Mondo* en 1931. Ĝis tiu tempo nur kvar jaroj pasis ekde la esperantistiĝo de la verkisto, de kiu antaŭe aperis du libro-formaj verkoj: traduko kaj alia romano. Oni povas nur admiri tian energion kaj talenton. Stellan Engholm grave kontribuis al la Esperanta literaturo per siaj tradukoj kaj originalaj verkoj, multe laŭdataj pro stilo klasike klara.

Stellan Engholm estis svedo, naskita en *Stokholmo* en 1899. Profesie li estis popollerneja instruisto. Li aktive esperantistiĝis en 1927, ekkoninte la lingvon tamen pli frue, kiel junulo. Lia esperantista akvivado seninterrompe daŭris dum pli ol tridek jaroj ĝis lia morto en 1960, sur la kampoj de literaturo, redaktado.

Tiu granda spirito manifestiĝas en feliĉa kombino de realismo kaj idealismo, kiuj karakterizas la originalajn verkojn de Engholm. Ideologiaj meditoj iom tro altrudas sin en lia unua romano *Al Torento* (1930), sed en *Homoj sur la tero* la verkisto jam firme tenas sin ĉe tiu konkreta realismo, kiu ĉiam poste karakterizas liajn verkojn. Liaj romanoj ne celas eksciti la emociojn, sed serĉi kaj raporti la veron kun senpasia humanismo. Engholm estas tre preciza observanto de la realaĵoj de la vivo, kaj ne emas doni lokon por la fantazio en siaj romanoj. Iuj opinias, ke tio faras liajn personojn iom monotonaj kaj bremsas la evoluigon de eventoj. Sed tion la verkisto kompensas per lerta uzado de delika-

ta psikologio. La stilo kongruas kun la sobra pritrakto de la temoj. Ĝi estas sam-tempe flua kaj klara, la frazkonstruo rekta kaj senkomplika. El lingva vid-punkto la romanoj de Engholm estas aparte taŭga legaĵo por novaj esperantistoj.

*Homoj sur la tero* rakontas la historion de kamparana familio tra tri generacioj. En la centro staras la bieno, la tero mem, kiel pulse vivanta ĉef-persono, kiu indiferente observas la homojn, iliajn penadojn, perdojn kaj gajnojn, – tiu tero, kiu donacas celojn kaj sencon al iliaj vivoj. La temo estas grava kaj serioza. La demandon pri la taskoj de originala Esperanto-verkisto, Engholm respondis jene (*Literatura Mondo*, 1932): "Antaŭ ĉio ili verku serioze!" Kaj tiun seriozecon Engholm trovis en la ordinara vivo de ordinaraj homoj sur la vivo-dona tero kaj ĝin transportis fidele en sian arton, sen ornamoj, sen fantaziaĵoj.

La tiel nomataj *Torento-libroj* de Engholm: *Infanoj en Torento I* (1934) kaj *II* (1939) kaj *Vivo vokas* (1946) rakontas la viv-historion de kelkaj laboristaj infanoj ekde infan-aĝo ĝis plenkreskiĝo. Torento estas fer-industria vilaĝo en la meza parto de Svedujo. La unua parto pritraktas la malfacilan situacion en la vilaĝo pro granda senlaboreco. Tio kreas problemojn en la vivado kaj pensado de la infanoj. Ili finas lernejon kaj transiras al sia gejunula aĝo. En tiu tempo ili fariĝas esperantistoj, kio kunligas ilin kun pli vasta me-

## LITERATURO DE LA ESPERANTA

dio. En la dua parto la gejunuloj komencas labori kaj partoprenas la ordinaran vivon de la vilaĝo. En *Vivo vokas* iliaj vivhistorioj plu-iras, ĉiam same realisme. Entute la Torento-libroj formas kontinuan unuecon, ĝue legeblan, malgraŭ manko de ekscita okazaro.

Stellan Engholm estis ankaŭ elstara tradukisto el la sveda literaturo. Inter liaj tradukoj troviĝas tri romanoj de *Selma Lagerlöf* (la unua virino, kiu ricevis Nobel-premion pro literaturo, 1909): *La mono de sinjoro Arne* (1933), *Gösta Berling* (1934) kaj *La ringo de la generalo* (1938); *Pasko*, dramo de August Strindberg (1935) kaj *La fino* de Folke Bernadotte (1946).

Stellan Engholm estis unua-vice prozisto, li okupis sin iom ankaŭ pri tradukado de poezio, precipe por *Sveda Antologio* (1934).

Stellan Engholm estis ankaŭ kapabla redaktoro. Dum kelkaj jaroj li eldonis revuon moder-aspektan, sed enhavo-riĉan, nomitan *Malgranda revuo* (1943-1952). Li multe kontribuis ankaŭ al aliaj Esperanto-revuoj.

La verkaro de Stellan Engholm daŭre restas alte taksata kiel modelo de pura kaj klara stilo, enhave substanca kaj riĉo-dona.

***antologio:*** **kolekto de mallongaj belliteraturaj verkoj /** ***bremsi:*** **malrapidigi /** ***emocio:*** **kortuŝo /** ***evento:*** **okazaĵo /** ***fantazio:*** **krea imago /** ***frazo:*** **unuo de parolo /** ***generacio:*** **samaĝularo /** ***generalo:*** **plej alt-ranga soldato /** ***humanismo:*** **hom-amo /** ***ideologio:*** **prisocia idearo de iu klaso, politika partio /** ***indiferenta:*** **montranta nenian preferon /** ***kombini:*** **laŭ-cele kunigi, aranĝi /** ***kompensi:*** **kontraŭmeti pro ia perdo /** ***komplika:*** **malsimpla /** ***kongrui:*** **plenumi saman funkcion /** ***konkreta:*** **reala, vere ekzistanta /** ***kontinua:*** **formanta senmankan vicon /** ***manifestiĝi:*** **iĝi klara /** ***medio:*** **ĉio, kio ĉirkaŭas ion, iun /** ***modera:*** **malproksima de ĉio troa /** ***observi:*** **sekvi ion kun daŭra atento /** ***originala:*** **ne tradukita /** ***pasio:*** **arda emocio /** ***poezio:*** **arto-speco bazita sur la ritmo de parolo /** ***profesio:*** **ĉiu okupo por akiri viv-rimedojn /** ***prozo:*** **ne-versa arto-speco /** ***psikologio:*** **scienco pri internaj, ne fizikaj problemoj /** ***pulsi:*** **regule movetiĝi laŭ kor-batoj /** ***substanca:*** **grava, esenca /** ***svarmi:*** **esti tre mult-nombra /** ***talento:*** **tre alt-grada kapablo /** ***trakti:*** **detale prezenti.**

*El la enigmo-kolekto de Dieter Berndt, Germanio*

## Malfacila demando

En iu malnova kastelo vivis du fratoj. Ili diferencis ĉefe en tio, ke unu el ili ĉiam diris la veron kaj la alia ĉiam mensogis. Foje, venis al la kastelo migranto, kiu perdis la vojon. La fratoj kaptis la okazon por fari kun li malbonan ŝercon. Ili gvidis lin tra longa koridoro, je kies fino troviĝis du pordoj. Malantaŭ la maldekstra pordo estis profunda abismo. La dekstra pordo kondukis al tute normala elirejo. Reiri ne estis eble. Li povis iri nur tra unu el la pordoj. La migranto mem devis decidi tra kiu eliri.

Por trovi la ĝustan pordon li rajtis starigi nur unu demandon. Li sciis pri la ecoj de la fratoj rilate al vero kaj mensogo, sed li ne sciis, kiu el ili diras la veron kaj kiu mensogas. Ne sufiĉis, do, simple demandi: "Ĉu tiu ĉi pordo kondukas al la elirejo?" Povus ja esti, ke li demandus la mensogulon kaj tiu, kompreneble, respondus: jes, kvankam malantaŭ la pordo troviĝas abismo. Aŭ male. La migranto longe pensadis. Finfine li trovis demandon, kiu en ĉiu kazo savus lian vivon. Ĉu ankaŭ vi scias ĝin?

(Solvo sur paĝo 13)

***abismo:*** **profundega malplenaĵo /** ***kastelo:*** **luksa domego /** ***situacio:*** **tuto de la kondiĉoj en kiuj iu troviĝas.**

# *Komakusa* protektata de japanaj lernejanoj

La 10an de junio 51 unua-klasaj lernantoj de Kusacu-mezlernejo (gubernio Gunma) grimpis dormantan monton Moto-Ŝirane (2171 metrojn alta) por planti tie *komakusa* (*dicentra peregrina*). Atinginte la pinton piede ekde la lasta stacio de telfero Kusacu-Ŝirane, ili plantis 50 *komakusa*-idojn en la ŝtoneta tero kaj, poste, starigis ŝildojn, alvokante protekton de la valoraj plantoj.



*Komakusa* estas 10-20 centimetrojn alta. Ĝi kreskas en la dezerto de vulkano. Ĝi havas roz-kolorajn florojn en somero. Antaŭ la dua mond-milito *komakusa* amase kreskis bele ĉirkaŭ la mont-pinto, sed pro ĝia beleco, kiel ĝarden-floro, kaj efiko, kiel medikamento, oni tiel multe ŝtel-prenis, ke ĝi preskaŭ malaperis. Antaŭ 23 jaroj lernantoj kaj lokaj homoj komencis protekti ĝin, subtenate de urbo Kusacu kaj arbar-gardistaro. Ĉiun jaron, lernantoj plantis idojn kaj volontuloj gardas la plantojn dum la flor-sezono. Dank' al tiuj klopodoj, nun oni povas trovi multajn bele florantajn *komakusa* kaj malmultiĝas flor-ŝtelistoj. Dank' al tiuj klopodoj nun oni povas trovi multajn bele florantajn *komakusa*, kaj eĉ malmultiĝas flor-ŝtelistoj. Pro tiuj agadoj la grupo estis premiita tiun ĉi jaron kiel "meritulo de medi-protektado".

Lernejestro *Mijazaki Keniĉi* diris: *"Dank' al lernantoj kaj lokaj homoj, ni povis rekreskigi komakusa. Tra tiuj ĉi agadoj ni volas eduki geknabojn, por ke ili pli amu la naturon".*

*Jasuo HORI, Japanio*

***grimpi:*** atingi altan lokon mane-piede / ***gubernio:*** granda administra unuo de lando / ***klopodo:*** penado / ***komakusa:*** floro; vidu la desegnaĵon / ***medio:*** ĉio, kio ĉirkaŭas nin / ***medikamento:*** kuracilo / ***ŝildo:*** ***telfero:*** kablo-lifto super profundegaĵo / ***vulkano:*** fajro-monto /

# VERDA PAĜO

## FAKTOJ KAJ ARGUMENTOJ PRI ESPERANTO

*Tiu ĉi rubriko servas niajn novulojn. Oni ofte metas al ni demandojn, kiujn – pro manko de sufiĉaj spertoj – estas malfacile respondi, konvinke rebati. Ĉi tie ni deziras liveri utilajn faktojn kaj argumentojn.*

## *Kial nur malmultaj parolas Esperanton?*

***Sci-volulo**:* Saluton, kara superĉefo! Mi ĝojas, ke mi povis vin atingi. Ĉu vi ne koleras, ke mi ĉiam ĝenas vin per miaj problemoj?

***Ĉef-komputila moŝto**:* Tute ne, eĉ male. Kun granda ĝojo mi estas je via dispono.

***S**:* Dankon! Sciu, kara amiko, ke trafis min granda ĝojo. Kiel gajninto en la finalo de la landa matematika konkurso, mi vojaĝos al Matematikaj Olimpikoj en Greklando. Kion vi opinias, ĉu mi povos tie utiligi Esperanton?

***Ĉ**:* Probable ne. Bedaŭrinde. Nur tre malmultaj parolas la Internacian Lingvon.

***S**:* Ĉu vi povus komprenigi al mi la kialon? Se ĝi estas la plej facile ellernebla kaj sendiskriminacia lingvo, kial ne studas ĝin multaj personoj?

***Ĉ**:* Ĉar mono kaj modo regas la mondon.

***S**:* Ĉu racio valoras neniom?

***Ĉ**:* Tion mi ne diris. Sed vidu, la plejmulto de la homaro sekvas la nunajn interesojn kaj nur tre malmultaj rigardas antaŭen, al fora estonteco.

***S**:* Tio surprizas min. Se io estas racia kaj utila, kial oni ne dediĉas al ĝi pli da atento?

***Ĉ**:* Ĉar la utilo, pri kiu vi ĵus parolis, komence ne montriĝas okul-frape. Kaj nur la plej klar-vidaj estas pretaj dediĉi al tia afero multan tempon kaj energion. De prahistoria tempo ĉi tiuj homoj estas la motoro de progreso.

**Nur klar-vidaj homoj estas pretaj dediĉi tempon kaj energion por la estonteco.**

***S**:* Kaj kion fari por eltiri praktikan utilon jam nun, kiam la mondo estas surda al nia afero?

***Ĉ**:* Kion la Esperanto-asocioj jam faris, nome organizi sin. Mi, do, proponas al vi, ke antaŭ ol forvojaĝi, serĉu kontakton kun tieaj samideanoj kaj tiam vi spertos la utilon de Esperanto. Tian utilon, pri kia eĉ revi ne povas homo fermita en la malliberejo de sia lingvo. Ne malesperiĝu, do, vi certe trovos tie esperantiston, kiu volonte renkontos kaj amike helpos, se vi bezonos tion.

***S**:* Dankon pro via konsilo utila kiel ĉiam.

*argumento:* pruvilo / *diskriminacio:* nejusta distingo inter homoj / *disponi:* decidi laŭ sia bon-trovo / *finalo:* fina decido-fara renkonto en konkurso / *probable:* tre ver-ŝajne / *surprizo:* neatendita okazaĵo.

KONTAKTO

*Nia pli aĝa frato.*
*Du-monata revuo de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO)*
TTT-ejo: www.tejo.org/eldonoj.jsp

***Solvo de VENDE** (p. 8) en n-ro 2(105)*

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| G | A | J | A | K | A | M | E | N |
| | R | O | M | O | | O | M | A |
| E | K | Z | A | M | E | N | I | Ĝ |
| N | | E | S | E | | T | | A |
| M | E | F | I | T | A | R | O | N |
| A | M | | G | E | G | A | S | T |
| P | U | R | I | G | I | S | T | O |

## Konkurso por infanoj kaj ĉiuj konkursemuloj

### *Testudo galopas, ĉu ne?*

La sukceso de la konkurso (en n-ro 104) igis min aperigi ion similan, kio riĉigos vian vort-provizon.

*Kion fari?* La bildetoj estas numeritaj de 1 ĝis 9. *Pasu laŭ la numeroj*. Vidinte *la vorton* (verbon), interne de la kadroj, *trovu la* koncernan *bildon* kaj *skribu ties literon* sin-sekve en la suba numerita kvadrataro. Fine, vi ricevos novan vorton. Bonvolu desegni tiun pas-manieron kaj sendi la bildon al la redaktoro ĝis la *1a de novembro 2003*. Sur la koverto skrivu: *"Testudo galopas, ĉu ne?"* La tri unuaj solvintoj estos premiitaj!


## juna amiko

**Internacia Esperanto-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj**
30a jaro, n-ro 3(106), 2003
**Aperas 4 fojojn jare**
**Redaktoro:** ***Géza Kurucz*** **(Hitel u.10.fszt.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario)**
**Retadreso: suli267@szeged.sulinet.hu**
**Vicredaktoro:** ***StefanMacGill*** **(retadreso: stefan.macgill@galamb.net)**
**Administranto:** *Sándor Hideg,* Szendrey u. 19, HU-2016 Leányfalu, Hungario
Retadreso: **juna.amiko.adm@posta.net**
**Eldonanto: ILEI, Stenbockensgata 102, SE-136 62 Haninge, Svedio**
Lingva reviizanto: *Baldur Ragnarsson* (Islando)
**Kunlaborantoj:** ***s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki*** (Finnlando), ***Baldur Ragnarsson*** (Islando), ***Tatjana Auderskaja*** (Ukrainio), ***s-ino Jennifer Bishop*** (Aŭstralio), ***Zoran Ćirić, Jadranka Mirić*** (Serbio), ***s-ino Saranath*** (Hindio), ***Gennadij Basov*** (Rusio), ***Bardhyl Selimi Mezini*** (Albanio), ***Till Dahlenburg, Dieter Berndt*** (Germanio), ***Evandro de Freitas*** (Brazilo), ***Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár*** (Hungario), ***Marija Belošević*** (Kroatio), ***Michel Nkwirikiye*** (Tanzanio), ***Eugenia-Ecaterina Popoviciu*** (Rumanio), ***Mensah B.Attiogbe-Agbemadon*** (Togolando), ***José J.Campos Pacheco*** (Kubo), ***Jasuo Hori*** (Japanio), ***Gian Piero Savio*** (Israelo)
**Grafikistoj:** ***Irina Nagy*** (Rumanio), ***Pavel Rak*** (Ĉeĥio), ***Monika Molnár*** (Hungario)
**Komputila kolora tekniko:** ***János Bakk*** (Hungario)
**Farita en Presejo Saluton**
**Váci út 81-85, H-1045 BUDAPEST, Hungario**
**ISSN 0230 1318**




# Kiel ili sin movas?

La regularon vi trovas sur paĝo 27

SOLVO:

| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | | | |